# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 28/08/2012 Sepdekunua Eldono 2012 29/08/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else
La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu de Bob Felby

## GRAVAJ EVENTOJ informis Max Wearing

La AEA-Jarkongreso okazos en Brisbano 28an de septembro ĝis 1a de oktobro, 2012.

Ĉu Speciala Reunuiĝa Kongreso de AEA okazos en Sidnejo (aŭ Adelajdo) 11 ĝis 13 januaro, 2013?
Ĉu AEA-Somerkursaro okazos en Sidnejo (aŭ Adelajdo) 14 ĝis 28 januaro, 2013?
Ĉu la Vintro-Evento de Gordon Coleman en Adelajdo kaj apuda Sheidow Pk Ŝtat-lernejo okazos ekde 7 ĝis 10 junio 2013 (dum la Adelaide Cabaret Festival)?




## SANDOR FESTOS NASKIĜTAGON

SANDOR-Birthday Invite.pdf Invito kaj fotoj



Mi fariĝos 60-jaraĝa post du semajnoj. Mi decidis festi "serioze" dimanĉon, la 9-an de septembro. Mi dungis kinejon.
Se vi hazarde estas en la "ĉirkaŭaĵo", bv partopreni. Aŭ venu speciale por mia naskiĝtagdatreveno.
Amike Sandor





## LA NOVA ESTRARO 2012-2014

| | |
|---|---|
| Sandor Horvath | Prezidanto |
| Gordon Coleman | Edukado |
| Indrani Beharry-Lall | Financoj |
| Kam Lee | Administrado |
| Heather Heldzingen | Servoj |
| Margaret Chaldecott | Reklamado |
| Max  Wearing | Eventoj |



AEA total assets  30 Jun 05  **$321,877.35c**

# Aŭstraliaj Esperantistoj ŝatas viajn novaĵojn kaj fotojn

## KLUBNOVAĴO KAJ FOTOJ





Esperanto Domo BBQ 26 Aŭg 2012  Venu al la venonta 23 Sept 12ptm.



Roger, Margaret, Michael, Beth Maree, Nicole, Dmitry, Richard, Joseph
Volo devis foriri frue, Mei fotis per la fotilo de Nicole.  Estis bona ĝuinda Esperanto-kunveno kun spektado de filmo pri Hanojo kaj paroliga ludo pri insulo.

# KIU(J) VORTARO(J) ESTAS LA PLEJ TAŬGA(J) POR MI?



Ofte homoj demandas min, kiu(j) estas la plej bona(j) vortaro(j) (angla ĝis Esperanto). Tamen, unue la volanto devas klarigi ion, ĉu li/ŝi deziras uzi precipe retan vortaron aŭ paperan vortaron?
Se vi dezirus uzi retajn vortarojn, tiam la plej rekomendataj de mi estas la jenoj; www.vortaro.net (estas bazita sur la mondkonata vortaro – Plena Ilustrita Vortaro; tamen por plene uzi ĝin vi devas unue krei konton, kaj due vi devas paroli sufiĉe bonan Esperanton, ĉar anglaj difinoj mankas al ĝi)



La dua pli malnova enreta vortaro kun anglaj kaj alilingvaj difinoj troviĝas ĉe www.reta-vortaro.de
La lastan veran vortaron kiun mi rekomendas troviĝas en la plej fama retejo www.lernu.net (retejo por komencantoj).
Nu, se vi ankoraŭ ne povas trovi la ideon, aŭ aĵon je la antaŭmenciitaj retejoj! tiam vi povas iri al www.eo.wikipedia.org Wikipedia, aŭ Esperante "Vikipedio". Tiu retejo ne vere estas vortaro, tamen ĝi ofte estas uzata tiel, ĉar per ĝi vi ofte povas trovi artikolojn pri temoj, kiuj kutime ne estas trovataj en aliaj tradiciaj vortaroj.



Surpaperaj vortaroj estas multnombraj kaj ofte bonaj, tamen mi rekomendas la jenon: ENGLISH-ESPERANTO-ENGLISH DICTIONARY fare de John C Wells (kiu estas tre fama Esperantisto eĉ ekster Esperantujo).
Tamen se vi irus rekte al la jena ligilo: http://esperanto-usa.org/retbutiko/index.php?main_page=index&cPath=20_220&zenid=779678b17f542d1f03096862f72da5e4 vi povas trovi multajn aliajn vortarojn.
- Riĉardo el Sidnejo

**Bonvenon al Vikipedio,**
la libera reta enciklopedio redaktebla de ĉiuj.
Enestas 168 817 artikoloj en Esperanto.



Hazel Green ĵus partoprenis en la seminario de Katalin Kovats en Italio.
Amike, Nicole

Kara Roger,
Mi esperas, ke vi refoje anoncos la Gravajn Eventojn kiuj aperis en *AE70*.
Max.

---

**Instigaj retmesaĝoj:**

**<u>ĈU SIDNEJO</u>? - aŭ - <u>ĈU ADELAJDO</u>?**

Mi ne kutimas citi rekte el leteroj aŭ ret-mesaĝoj, sed mi kredas, ke la jenaj verkintoj ne plendos pri ĉi-tiuj citaĵoj:

---

". . . mi ĝojas ekscii ke la nova estraro projektas renaski eventojn je januaro 2013.
1. se la somerkursaro okazos, mi certe partoprenos ĉu en Sidnejo, ĉu en Adelajdo.
2. Mi ĉeestos ambaŭ eventojn, kunvenon kaj kursaron
3. mi favoras Sidnejon - pli proksima, kie oni povas lerni, manĝi kaj loĝi en la sama domo.(kompreneble en la universitato)
4. Du, eble kvar veraj komencantoj intencas partopreni kun mi. Ĉu okazos baza kurso por ili ?
Dankon pro via kuraĝa agado kaj ebla respondo (se vi trovas tempon!)
Kore, Yvan Serve, Numeano (serve@lagoon.nc)"

---

Aliaj respondoj venis de Bob Felby. Hieraŭ li skribis:

"Kara Makso !
Kun plezuro mi legis la bonajn novaĵojn en "Aŭstraliaj Esperantistoj", koran dankon.
Rilate la eblecojn mi mem persone preferus Adelajdon. Post multekosta vojaĝo al Brisbano estus bone, se oni povus ŝpari iom da mono kaj okazigi la Reunuigan Kongreson kaj Somerkursaron en Adelajdo. Sed ni devas ja konsideri ankaŭ la aliajn partoprenontojn, ĉu ne?
Alia afero estas, ke la plej multaj aŭstraliaj esperantistoj ja verŝajne ankoraŭ memoras viajn bonegajn somerkursarojn en Adelajdo kaj ŝatus resperti ilin. Tre plaĉus al mi, se venus inter 80 kaj 100 !
Kaj ankoraŭ unu afero: Mi tre ĝuis la kvizludadposttagmezon kune kun vi hejme ĉe Katja kaj Trevor !!!
Ĉion bonan kaj plej amike, Bob
P.S. Ĉu oni ne diras "reunuiga" kaj ne "Reunuiĝa" ? "

Mia respondo estis:

----------------------------------------------------------------------------------------------------

"Kara Bob,
Mi elektis "reunuiĝa" ĉar mi esperis, ke ni volonte reunuiĝos - kaj ke neniu devos reunuigi nin. Iom similas al la "unuigintaj" aŭ la "unuiĝintaj" nacioj, ĉu ne? Eble mi malpravas. Kion vi pensas pri tio?
Amike, Max."

Ĉi-matene Bob respondis:

----------------------------------------------------------------------------------------------------

"Kara Makso !
Do bone, eĉ bonege, ĉu ne? Mi konsentas kun vi. Ni ĉiuj reunuiĝos, neniu devigos iun ajn reunuiĝi, tion oni faros memvole kaj volonte !
Tamen, estus bone, se tio okazus en Adelajdo.
Mi supozas, ke jam en Brisbano kelkaj reunuiĝos !
Plej amike, Bob"

----------------------------------------------------------------------------------------------------

Ĉu vi partoprenus unu aŭ ambaŭ el tiuj du eventoj? kaj en kiu urbo vi preferus, ke ili okazu? Bonvolu respondi al -
Max Wearing <mwearing@internode.on.net>.





Jen la filmeto de Dmitry pri la universala kongreso en Hanojo.
http://www.youtube.com/watch?v=cNV48KRjGV0
Amike, Nicole



## Vortoj de "Lernu"

HIPOKRITI
Ŝajnigi ion, kio donas aspekton de virto aŭ merito al la nesincerulo:
Ne hipokritu amikecon.
Li hipokritis dum sia tuta vivo.
La ĝojo de hipokritulo estas momenta.
Tiu homo estas hipokrita.
Ŝi akuzis lin pri hipokriteco.



## DO WE NEED AN ENGLISH SECTION IN THE NEWSLETTER?



Dear Dianne,
Congratulations on attracting Jacob's interest and passing on to Sandor and me, as members of the future Board of AEA, his email address;
Dear Jacob,
Congratulations on your decision to study Esperanto through *Lernu.net*. The incoming Board has only just been elected, so it is not yet absolutely certain where and when the next Australian Esperanto Summer School will be held, but it looks likely to be in either Sydney or Adelaide in January 2013, as was recently announced in *Aŭstraliaj Esperantistoj*, the (approximately) weekly newsletter of Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj, which you can join absolutely for free by writing to Roger Springer <rspringer@tpg.com.aŭ>. You can see its latest (70th) issue by clicking
Max Wearing